


Año II (N.° 22)

# BOLETIN

DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

Núm. 10

OCTUBRE 1950

RUZAFA, 7
VALENCIA
(ESPAÑA)

# ...Y LA FIESTA SERÁ DENTRO DE CASA!

Para el esperantista español, constituye un motivo de íntima satisfacción la lectura reposada de los últimos números de la prensa esperantista, repleta de información acerca de los resonantes éxitos obtenidos por los Congresos Internacionales que recientemente han tenido como marco las famosas y bellas ciudades de París, Roma y Turín. Aunque el número de asistentes ha sido esculpido con millares, las cifras no reflejan, sin embargo, la realidad de nuestra pujanza. Dificultades técnicas, razones económicas y complicaciones burocráticas, han impedido el viaje a muchísima gente que hubiera acudido en tropel y en entusiasmo a cualquiera de estas poblaciones. El hecho de que París estuviese más cercano que la sede de anteriores Congresos hizo concebir a muchos españoles la risueña esperanza de alcanzar -y con poco dinero, relativamente- la meta de la más dorada ilusión para todo esperantista: ¡Asistir a un Congreso Universal! Sin embargo, triste realidad ha sido, que tan solo uno o dos españoles lograron efectuar el viaje y realizar su propósito.

Como las circunstancias que rigen actualmente las relaciones internacionales no llevan camino de enmendarse, sinó todo lo contrario, vamos a dejar de lado las divagaciones para aprovechar las posibilidades. Ya que no podemos saborear el encanto de un ambiente universal -por y para el Esperanto- debemos crear ese ambiente en nuestra propia casa y para nuestro propio uso: Hagamos pues el recuento de nuestras huestes, unifiquemos nuestros esfuerzos, establezcamos un programa de acción, y, al mismo tiempo, démonos la satisfacción de vernos para conocernos y conocernos para estimarnos, confirmando, en un Congreso Nacional de la Federación Esperantista Española, ese parentesco de grata cordialidad que, espiritualmente, ahora nos une.

**Sola propagando neniel havas sencon, se samtempe ne efikas instruado en kurso. La plej firma garantio kaj solida bazo por Esperanto estas la makadamo de la juna generacio!**

Así pues, podemos anticipar hoy que ya está decidido celebrar en Tarrasa, la culta y laboriosa ciudad catalana, donde tantos y tan buenos esperantistas viven y se desenvuelven, esta primera reunión del esperantismo hispano, como exponente de su labor presente, después de una larga pausa, que debe ser continuación de aquel brillante período en que las principales ciudades de España se engalanaban, año tras año, para darnos la bienvenida. Sabemos que esta noticia será jubilosa para todos: para los tarrasenses, un motivo de orgullo, por lo demás muy merecido, y para el resto de los esperantistas españoles un emocionado afán, durante todo el invierno, para florecer en una magnífica y espléndida realidad dentro del próximo verano.

A partir del próximo número daremos detalles más amplios y concretos. Preparémonos, pues, para este magno acontecimiento. Hagámoslo digno de nuestra fé y nuestra perseverancia; que sea ejemplo vivo de honrados y viejos recuerdos para las jóvenes promociones que, alegres y bulliciosas, estudiosas y diligentes, acuden a nuestros cursos. Y así, superándonos todos, seremos dignos de acudir a la cita que nuestra Federación nos hace en el confortable hogar que Tarrasa nos ofrece.



# FACETAS DEL MOVIMIENTO ESPERANTISTA

● ALEMANIA.—Recién terminado el XXXV Congreso de «Universala Esperanto-Asocio», se han iniciado los preparativos para el del año próximo en Munich, capital de Baviera.

Ya se han editado en Esperanto un folleto turístico del país, otro sobre los ferrocarriles alemanes, y la compañía holandesa de aviación «K. L. M.» un tercero sobre sus líneas a Alemania. ¡La campaña inicial ha comenzado bajo los mejores auspicios!

El idioma internacional fué enseñado, durante el invierno pasado, en 112 Escuelas Superiores, siendo Alemania uno de los países donde el incremento del Esperanto es rápido y cuantioso. Actualmente su influencia se extiende a todas las esferas.

En la zona americana de ocupación, más de 100 maestros lo han aprendido a fin de poderlo enseñar facultativamente en las escuelas de primera enseñanza, como forma de aplicar dicho idioma auxiliar en las relaciones internacionales.

● AUSTRIA.—En el Seminario de Salzburgo, el Vicario Padre J. Kaps dirige un curso de Esperanto, pues si bien el latín puede ser el vínculo de unión internacional entre los sacerdotes de diversos países, la Iglesia precisa de un idioma asequible al pueblo.

● ITALIA.—«Radio Roma» ha modificado las longitudes de onda de sus emisiones en Esperanto. que actualmente son 25'2 y 31'1 metros; los viernes y domingos de 17 a 17h20, hora oficial española. Sus programas son muy interesantes y atractivos.

● HUNGRIA.—«Ibusz», la Oficina húngara de Turismo (domicilio - Deák Ferenk-Utea, 2 - Budapest 5), ha publicado el folleto turístico «Hungario».

● ARGENTINA.—Sigue con éxito creciente la labor divulgadora y educativa de la «Asociación Esperantista Católica Argentina», con domicilio en la calle Alsina, 736-1.º, Buenos Aires, donde se facilita toda clase de información gratuítamente.

● CHILE.—En la Universidad Nacional de Santiago se ha constituído recientemente el «Club Esperantista de Estudiantes» que promete dar magníficos resultados.

● GRECIA.—En 15 de los Institutos de 2.ª Enseñanza cursan estudios del idioma auxiliar 1.470 bachilleres griegos, lo que promete una gran extensión del Esperanto en aquel país, cuya antigua cultura fué la base de toda la civilización occidental.

● EGIPTO.—Se ha constituído en aquella nación la «Mezorienta Esperanto-Societo» (Box, 169-ALEJANDRIA), con ánimo de impulsar el Esperanto en los países árabes.

● TURQUIA.—Se gestiona que la nueva emisora de onda corta de Ankara radie un programa en Esperanto. Se están recibiendo escritos en tal sentido en las oficinas de la emisora: «Bureau Basen-Yayen genel müdürlugu», Ankara.

● ISLANDIA.—Al 1.er Congreso Esperantista de Islandia remitieron saludos el Ministro de Educación y el Director de Enseñanza, en prueba de la buena voluntad de las autoridades hacia el idioma auxiliar, que sirve de unión entre aquella isla y el resto del mundo.

● JAPON.—Siguiendo una norma general de las publicaciones técnicas japonesas, la «Revista de la Sociedad Química-Agrícola del Japón» publica un resumen en Esperanto de todos sus artículos. Este es el más reciente éxito alcanzado en aquel país.

## UN PADRE JESUITA, FERVOROSO ESPERANTISTA

**Hasta ahora, los misioneros europeos han difundido su apostolado por otros continentes. Hoy, la tierra americana nos da la réplica enviándonos desde el Brasil al Padre Francisco ROCHA GUIMARAES, joven e inteligente jesuíta, lleno de simpático ardor, que viene a difundir el Esperanto en los medios católicos. En Salamanca dió una notable conferencia, y en Madrid y Zaragoza ha dejado una fructífera siembra. De su casi meteórico paso por Valencia, no pudimos sacar más provecho que una corta pero agradabilísima conversación en nuestra casa, en donde todos pudieron comprobar su magnífico impulso propagandístico.**

**Después de un breve contacto con los esperantistas catalanes, el R. P. Rocha va a Roma, en donde, con toda seguridad logrará grandes triunfos en su campaña, de la que tantos beneficios puede lograr la Iglesia Católica, por medio del Esperanto, cuya difusión supera actualmente los cálculos más optimistas.**

**La sugestiva personalidad del joven sacerdote queda impresa entre nosotros con carácter indeleble.**

## EL ESPERANTO ES COMO UNA SÍNTESIS DE LA LINGÜISTICA MODERNA

# POR LA HISTORIO DE LA ESPERANTAJ VORTOJ

## I - La hispanismo VANILO

Nia kompetenta kunlaboranto kaj bona amiko Azor, kvankam tre malproksime de ni -en la bela Meksikio- dankinde helpas plivalorigi la enhavon de sia bulteno per la utila kontribuo de nia sperto en la fako pri kiu aperas nun la unua artikoleto de tre interesa serio. Ni scias, ke la temo estos loga por la tuta hispanlingva esperantistaro, je kies nomo estu elkore salutata la transoceana kaj tamen spirite tre proksima samideano.

La VANILO, grimpa vegetaĵo tropikema, orkidaca, monokotiledona, spermatofita, estis eltrovata en Meksikio, dum la 16 jc. de la hispana kuracisto kaj botanikisto H. Hernández. Li demandis kurioze kaj interese al la indianoj pri ĝia nomo, kaj ili respondis en la meksika pralingvo: «tlilksoĉitl», kio signifas verdeflora. Tia nomo rezultis por Hernández tro malfacile prononcebla kaj li, post detala ekzamenado de la frukto, dehiska kaj legoma, alnomis la frukton kaj la planton **vaynilla**. Tia nomo, en hispana lingvo, estis diminutivo de **vayna**, nun skribebla **vaina**, vorto siafoje devena el la latina nomo «vagina», nomo samforme esperantigita kaj ne fremda al la afero, ĉar tiu frukto estas similonga tubeto interne glueca, glita, parfuma kaj plena, kiam matura, je buloj kiel ovetoj, ĉar la semoj abundaj.

Aroma frukto kaj trafa hispanismo estis rapide disvastigataj ĉie: unue en la nunaj dudek nacioj hispane parolantaj, kiel **vainilla**; poste, rakontas Poncet en 1694, ke la **vanille**, el Hispanio enportata en Francio, estis tie tre uzata por aromigi ĉokoladon kaj kakaon; en 1739, la frukto alvenis en Anglion kun sama nomo **vanille**, kaj tiel; fru kto kaj hispanismo trakuris Eŭropon: germane oni nomis ilin **Vanille**; itale, **vaniglia**; portugale, **vainilha**; pole, **wanilla**; ruse, **wanile**, kc. kc. La sveda Lineo latinigis tiun genron de vegetaĵoj en 1735, kiel **Vanillo**, ĉe sia botanika nomenklaturo, kaj poste la diversaj specoj estis alnomataj de aliaj botanikistoj **Vanilo planifolia**, **Vanilo fragante**, **Vanilo aromata**, kc, jam esperantigitaj de ni. La kemiistoj, akorde kun la nomo, nomis la kemiaĵojn el la vanilo: **Vanil-ato**, **vanil-ino**, **vanil-ilo**, **vanil-ika**, kc. Tiel Zamenhof adaptis la hispanismon al sia fonetika ortografio, kaj enkondukis VANILO, en la esperantan vortaron, ĉu sciante jam ke tia internacia radiko estas hispanismo? ĉu ne pripensante, kontraŭ sia konscio, pri la vorthistorio?

AZOR



# MIRINDA ORTOGRAFIO

## II-ALDONA SOLVO

En mia antaŭa noto mi rimarkigis, kiel la literoj kun signeto ebligis grandan fidelecon de Esperanto al internacia ortografio, kaj ke malgraŭ cedemo kaj rezignemo de Zamenhof pri flankaĵoj, eĉ liaj detalaj solvoj venkis per sia trafeco. Nun mi deziras montri, ke ankaŭ lia aldona solvo, montri **h** post **c** por **ĉ**, havas naturecon, pravecon, eĉ en la eŭropaj lingvoj plej malproksimaj de la Zamenhofa naskląndo.

Efektive en angla, franca, kastila, portugala, estas **ch**, aldono de **h** al **c**, por montri novan sonon de **c**: la latina k-sona de **camera**, **cappa**, **carrus**, **carmen**, **cardo**, **captare**, **camisia**, **catena**, **caballus**, k. t. p., fariĝis **chamber**, **chambre**; **chape**, **chapeo**; **chariot**; **charm**, **charme**; **chernière**, **charnela**, **charneira**; **chase**, **chasser**; **chemise**; **chain**, **chaine**; **cheval**; k. t. p.

Se Zamenhof solvis per signeto, kiel per signeto jam solviĝis france, katalune kaj portugale **c - ç**, kaj kastile **n - ñ**; kaj per aldono de **h** kiel en multaj naturaj lingvoj, kaj tiel ĉiam ni povas Zamenhofe kaj nature solvi la alfabetan aferon, kial skandali reformeme por trudi "novaĵojn" multfoje jam antaŭ longe malakceptitajn? Kial per tiaj skandaloj pensigi al la novaj esperantistoj, ke Esperanto ankoraŭ estas alfabete diskutata, diskutota, diskutinda, diskutenda? ke Esperanto estas alfabete malbona, aŭ ne pripensita provaĵo? Danĝero de tiaj kampanjoj ja ne ekzistas ĉe kompetentaj kaj spertaj aŭ dokumentitaj esperantistoj; sed ili dubigas kaj malkuraĝigas novajn ankoraŭ malfortajn varbitojn por Esperanto. Ĉar tiaj kampanoj, vole-nevole, enpenetras rondojn kie estas novuloj, kiuj pensas ke ili malkovras gravaĵojn kontraŭ Esperanto. Kaj se la kampanjantoj nenion sciigas al akademianoj, kiuj devus akcepti aŭ fine decidi, kaj tamen timigas lernantojn de Esperanto, kion ili celas?

**DELFI DALMAU**

# INTER LA PROZO DE L

Unuaj skuetoj de frosto, en ondo kreskanta, anoncas jam nun la viziton de la blanka sezono el glacio kaj neĝo. La formikoj ĵaluze gardas kaj fiere rigardas la riĉan kolekton de sia provianto, kiun ili pacience rikoltis, grajneton post grajno, dum la epoko en kiu multaj aliaj estaĵoj celis nur facile vivi, sen atento nek zorgo pri eblaj venontaj malfacilaĵoj. Sekve, do, la nestoj de la birdoj kaj la kaŝejoj de aliaj surteraj bestoj kaj bestetoj reakiras la valoron, kiun ili perdis kiam la libera subĉiela medio estis facila kaj milda; ĉar se la somero estas areno por vivi, la aŭtuno estas etapo por zorgi. Jes, en la arbaro eĉ la sciuroj, nuntempe, anstataŭ vane iri kaj reiri tien aŭ ĉi tien, zorgas akurate pri la grava afero vintri komforte kaj varme, sub la ŝirmo de siaj enarbaj hejmetoj. Puŝata de tiu oportuna laboremo, kiu ĉie ĉirkaŭe svarmas, jen mi flikas la truojn kaj riparas la klapojn de la pordo kaj fenestro de mia fungodometo, kiu aspektas hele kvazaŭ fabela palaco ekde la momento, kiam nederlanda cikonio, kiel speciala kuriero de norda feino, ĵus portis la delikatan donacon de polurita poto, kun arbeto de jazmeno, por celebri la daton de mia naskiĝo, aŭ mistera alteriĝo, en ĉi tiu arbaro. Ho! mi jam aŭdas la demandon: ĉu ankaŭ la koboldetoj ludas en la loterio de la tempo aŭ en la filatelio de la jaroj? Jes, kompreneble, sed la rajton al homa rido kaj homa ploro oni devas tiel pagi! Tamen, ne gravas, ne, ke la vizaĝo velkas, ĉar por revigligi ĝin sufiĉas la parfumo de la petaloj de tiu emocie akceptata jazmeno, kiu fariĝos por mi la simbolo de eterna juneco, en la nobla strebado al bono kaj belo... je kies nomo laŭte mi promesas, ke meze de rigora vintro, per blovo el miaj pulmoj, la dometo estos oranĝerio, por konservi ĉiam freŝa la planteton de jazmeno, kiun al mi donacis la norda feino, kiel muzo de inspiro.

Ho, ho... mi forgesis la averton porciigi ĉi-monate la amplekson de mia babilo, ĉar la redaktoro *invados* mian terenon por prezenti al la hispana esperantistaro la imponan bildon de la Universala Kongreso; tamen, tiu postulo de la spaco neniel devas esti baro al mia obstino dediĉi almenaŭ kelkajn vortojn al la karaj gesamideanoj el Zaragozo pro ilia ekstrema afableco al tiu kuriero, kiu je mia nomo tien ekskursis por ilin saluti. Li rakontas tre verve siajn travivaĵojn kaj tiel forte ebriiĝas, pro emocio kaj danko, ke li ja babilas pli multe ol mi mem. Nu, estu bremso ĉe la privataj aferoj! Rekte mi alpaŝas al la ĝeneralaj temoj; kaj, kiel frontono de mia kroniko, jen dokumento de oficiala protokolo:



**He aquí la imponente Delegación del pueblo esperantista, de un pueblo idealista y honesto que, cada año, l**
**reunidas en París durante el reciente Congreso Universal de Esperanto,**

# ESPERANTISTA GAZETARO

«La 35ª Universala Kongreso de Esperanto, okazinta de la 5-12 de Aŭgusto 1950 en Parizo. kiun partoprenis 2300 reprezentantoj el 35 diversaj landoj, ĉiuvoĉe akceptis jenan

REZOLUCION

La internacia lingvo —estante ne nur teknika rimedo de pensado kaj komunikado, sed ankaŭ potenca instrumento de proksimiĝo de la homoj en la mondaj kadroj— estas esence ligita al tutmonda paco kaj al amikecaj rilatoj inter la popoloj.

Tial, la 35ª Kongreso de Esperanto forte subtenas ĉiujn sincerajn klopodojn sekurigi la pacon kaj atendas, ke ĉiuj pacamantoj dediĉos al la Internacia Lingvo, kiel grava antaŭiĝanto de internacia solidareco, la meritan atenton».

Jam en la kerno de mia fako, mi deziras averti unue, ke la gazetoj ESPERANTO kaj LA PRAKTIKO kun HEROLDO (tute regule venantaj) estas ordinare ignorataj en ĉi tiu rubriko ne pro malatento al ili, ho, tute ne! sed nur pro tio, ke feliĉe ili estas legataj de multaj hispanoj. kio bedaŭrinde ne okazas kun aliaj periodaĵoj. DIA REGNO, la kristana gazeto internacia, estas firme fidela al sia celo: «Krei efikan kontakton inter kristanoj el diversaj landoj kaj per Esperanto diskonigi la Evangelion pri Jesuo Kristo kaj la savon kaj pacon». La lasta numero, tre interesa kaj bela, kiel ĉiam, larĝe informas pri la tria internacia Konferenco de kristanaj esperantistoj, kiu okazis plensukcese en La Rochette, pitoreska vilaĝo je distanco de 40 km. sude de Parizo; atentinda nombro da partoprenantoj pasigis agrablajn tagojn laŭ programo en kiu estis loko por belaj ekskursoj, interesaj debatoj, piaj meditoj kaj edifaj preĝoj, pri kies senco estu specimeno jena fragmenteto: «Gardu nin kontraŭ tiu danĝera kaptilo en kiun kelkaj falis: La tro granda severeco, kiu timigus la simpatiantojn kaj kredigus al la nekredantoj, ke la disĉiploj de Kristo estas malamikoj de la ĝojo». Sincerajn gratulojn! LA DHARMO, tiu plaĉa kaj loga organo de Budhana Ligo, estas delikata floro en la freŝa bukedo de la esperantista toleremo rilate religiajn konceptojn; ĉar, kiel tie estas dirite: «La aromo de floroj ne flugas kontraŭ la vento, sed la aromo de virtulo flugas kontraŭ la vento...»

Kaj, en ĉi tiu momento, la subtila aromo de la donacita jazmeno ne bezonas la helpon de favora vento por min envolvi per dolĉa kareso, kiu estas promeso de daŭra spirita akompano en la fora dometo, de la fantazia arbaro kie, sole ja nur por vi, loĝas kaj ekzistas, ĝojas kaj sopiras

**LA LEGEMA KOBOLDETO**




**acto de presencia para mostrar su pujanza. Estos dos millares de personas, procedentes de 35 naciones ron en sus debates tan solo un idioma, un idioma solo: ¡El ESPERANTO!**

## NOTICIAS DEL BRASIL

Prueba de la enorme difusión y popularidad del Esperanto en este hermoso y extenso país es la siguiente serie de noticias:

En Belo Horizonte ha sido rotulada con el nombre de «Praça Esperanto» una vía de aquella población. También en Joao Pessoa (Paraiba) se ha dado el nombre de «Avenida Esperanto» a una calle. Los diarios y periódicos brasileños suelen publicar artículos en y sobre Esperanto. En «Brazila Esperantisto» de marzo-abril último, aparece una relación numerosa de ellos. En el Seminario Eclesiástico de Joao Pessoa se ha iniciado un curso de Esperanto con asistencia de 40 alumnos, incluso el Padre Vicerrector del Seminario.

Y como final, he aquí, sin comentarios, la seca prosa oficial de dos concretos documentos que traducimos del original redactado, naturalmente, en lengua portuguesa:

---

**ESTADOS UNIDOS DEL BRASIL**

RIO GRANDE DEL NORTE

### Promulgación de la Ley n.° 159

Como Gobernador del Estado de Rio Grande del Norte, hago saber que el Poder Legislativo decreta y yo sanciono la siguiente Ley:

Art. 1.°—Se considera de utilidad pública la Asociación Esperantista, con residencia y domicilio jurídico en esta capital.

Art. 2.°—Esta ley entrará en vigor seguidamente, a partir de la fecha de su publicación, quedando derogadas todas cuantas disposiciones existan en contrario

Natal, 10 de Octubre de 1949, 61° de la República.

**El Gobernador,**

*José Augusto Varela*

---

**ESTADOS UNIDOS DEL BRASIL**

RIO GRANDE DEL NORTE

**Departamento de Educación**

*Carta circular a los Directores de todos los Centros de Enseñanza.*

Natal, 26 de Mayo de 1950

Sr. Director:

Es de suponer que habrá llegado a vuestro conocimiento que la Asociación Esperantista ha sido declarada de utilidad Pública por Ley del Estado, n.° 159, del 10 de Octubre de 1949.

La referida Ley fué decretada por la Asamblea Legislativa y sancionada por el Sr. Gobernador del Estado. En vista de lo cual, la mencionada Entidad desea difundir la instrucción del Esperanto por todo el Estado, a través de los centros de Enseñanza, siempre que no haya recargo para el erario público.

De acuerdo con el programa elaborado, la referida disciplina será instruída una o dos veces por semana, con profesores de dicha Asociación Esperantista, y según el horario previamente establecido, de acuerdo con el Director de cada Establecimiento.

Así pues, deben autorizarse esta clase de cursos, bajo vuestra dirección y en beneficio de todos los escolares.

**El Director General,**

*Rómulo Chaves Wanderley*

---

Dum kelkaj agrablaj tagoj, la Valencia esperantistaro ĝuis la plezuron kunvivi kun gesinjoroj Larglantier el Parizo kaj gesinjoroj Lencer el Bufalo (Usono). Tra la daŭro de sia restado, ili estis honoraj kaj ŝatataj gastoj de nia rondo. Okaze de vizitoj al la urbaj vidindaĵoj, la praktika uzado de nia komuna lingvo estis plej efika propagando. Tial, niaj karaj geamikoj ne devas tro multe laŭdi la bonan volon, kiun ni al ili montris, ĉar ili ja, sole nur pro tio helpi per sia ĉeesto la plugadon de nia kampo, meritus dankojn se ilia simpatio ne meritus plenrajte ankaŭ nian plej koran estimon. Feliĉan reiran vojaĝon!

# ★ KAJ TAMEN TIO POVUS TIEL OKAZI...

Hieraŭ mi iris kinejon, kie mi vidis negravan filmon. En la intermezo por anoncoj, aperis sur la ekrano bela kolorbildo kun jena teksto: «La mondo malsanas kaj kaosiĝas pro manko de harmonio. Jen do Esperanto, la frateca amikigilo!. Tio ŝokis min, ĉar la projekciata bildo estis mem tiu de «La Praktiko» (N.° 12 - 146 - 147ª paĝoj). Jam survoje al la kinejo, mi avertis pli intensan propagandon ol kutime. Tuj mi ekmemoris, ke hodiaŭ estas la Universala Esperanto-Tago; kiel sciate, dum ĉi tiu tago, la Universala Propagandkomitato kaj ĝiaj naciaj filioj pliintensigas la propagandon de nia afero. En kinejoj, teatroj, sportejoj, omnibusoj, murafiŝejoj k. t. p. oni povas vidi kaj legi efikan propagandon pri nia lingvo. Vere, ĉi tio forte efikas ĉe la publico, ĉar dum ĉi tiuj tagoj estas impona la amaso iranta enskribiĝi por la novaj kursoj de la lokaj societoj. La laboro de tiu komitato estas vere grandioza. Dank' al tiuj penoj kaj klopodoĵ, hodiaŭ neniu hispano ne scias, kio estas Esperanto, kiel okazis dum la jaro 1950ª ne nur en Hispanio, sed ankaŭ en aliaj landoj. Feliĉe, mi ĝojas, ke hodiaŭ ĉiu ajn scias, ke nia lingvo estas emblemo de paco kaj frateco. Certe, nia anaro estas nur multmiliona, mi diras al mi; krome, agrabligas miajn pensojn la ebleco, ke post malmulte la esperantista amaso altrudos fine la uzadon de nia parolilo. Tion ni atingos dank' al nia batalemo. Oni tro naive kredis dum la jaro 1950ª ke estas la registaroj, kiuj altrudos la lingvon al la amaso sed, kiel jam pruvite, okazis tute male. Ni posedas batalilojn, kiuj sendube havigos al ni la venkon: La Universala Propagandkomitato kun siaj naciaj filioj, la verdaj taĉmentoj disverŝitaj tutmonde, ĉiam pretaj letere bombardi niajn malamikojn («Destino» 18 - Februaro 1950, 8ª paĝo) kaj la multenombraj verdaj kavaliroj, pretaj ĉiam kapti ĉiun okazon ĉe la nazo, ĉar la vosto estas glita...

Jen do pro kio, ni atingis la nunajn rezultojn! Se vi estus, kara leganto, tiel scivolema kiel mi, certe vi aŭdus similajn konversaciojn al tiuj, kiujn mi aŭdas ĉiutage. Kaj se en la jaro 1950ª oni nur aŭdis sportaĵojn kaj aliajn pli aŭ malpli gravajn sciigojn, hodiaŭ nia lingvo estas ankaŭ grava temo. Povas okazi, ke vi estas honesta kaj pruda sinjoro, kun ŝtopitaj oreloj, kiam oni ne parolas rekte al vi; sed se vi ne estus tia, vi aŭdus jenon:

«... Laŭ fidelaj statistikoj, niaj adeptoj altiĝis pasintjare je du pliaj milionoj» diras unuokula samideano. «Vi eraras, respondas alia, estas kvar la pliaj milionoj sed pro tio, ke vi posedas nur unu okulon...» «Se tiu lingvo tiel rapide kreskas, baldaŭ ĝi fariĝos deviga fako en lernejoj kaj universitatoj» diras profesoro. «Sendube, ja la popolo ne plu bezonos miajn servojn» lamentas profesia politikisto, k. t, p.

---

Kaj... ĝuste, en ĉi tiu punkto, tiel interesa, subite mi vekiĝis kaj konstatis, ke falinte de la lito mi kuŝas sur la planko, kun ne tro granda kontuzo ĉe la verto.

A. BALLESTIN (Zaragozo)

---

## Ricevitaj Libroj

La Internacia Gvidkomitato de la Tutmonda Popola Delegitaro (54, Baker street-London W 1) eldonis, laŭ traduko de E. P. Ockey, planon de tiu organizo.

Ĉi tiu kvarpaĝa resumo de la aroga plano por kunvoki neoficialan tutmondan parlamenton laŭ la Usborne-plano, estas havebla kontraŭ 1 respond-kupono (kvin ekzempleroj: 3 r. p. k.) ĉe la supra adreso.

La pacamaj homoj ne konfidas nur je la oficialaj instancoj; ili ankaŭ klopodas per ĉiuj rimedoj starigi bonvolajn instituciojn por fortigi sian celon kaj disvastigi ĝin tra la tuta mondo.

Tial ke celo tiel nobla estas universala, tiu zorge aranĝita Esperanto-broŝuro venas al ni, por propagandi ĉe ni, per nia internacia lingvo, la mondfederacian sistemon.

***Referato de Dro. TORRES-CARRERAS en la «Real Academia de Medicina de Barcelona».***

Post enkonduko pri kaŭzoj, kial ne pli progresis la disvastiĝo de radiokuracado por kelkaj malsanoj, malgraŭ ke en iuj kazoj oni atingas 100 % sukceson, la aŭtoro eldiras la aplikojn de la roentgenterapio por la afekcioj de la tiroida glando, kiel Graves-Bassedow - malsano kaj similaj, kun 6 precizigaj konkludoj. Tiu referato estas publikigita hispanlingve en la marta numero 1950 de la gazeto «Anales de Medicina y Cirugía» kaj en aparta broŝuro.

Nia samideano Dro. TORRES-CARRERAS estas la plej sperta radiologo en Barcelono, kaj unu el la plej fervoraj kaj malnovaj batalantoj por nia movado en Katalunio.

ERNESTO HURTADO

# ☆ LA LERNEJO

## CONSULTORIO LINGÜISTICO

M. R. Z. en CASTELLON.—JAM significa **desde ahora, sin más, sin más espera.** Ejemplo: **jam estas tempo iri hejmen,** ya es hora de ir a casa. También puede usarse en casos parecidos, por ejemplo: **jam de tri jaroj mi ne fumas,** ya no fumo desde hace tres años. JA sirve para mostrar la reafirmación de un aserto, por ejemplo: **Petro ja estas pli alta ol Rikardo.** PLU indica la continuación de una situación o una acción, por ejemplo: **kaj tiel plu,** y así sucesivamente; **ne estas konvene lin lasi plu en tia situacio,** no es conveniente dejarlo en tal situación por más tiempo. Con una negación PLU indica el cese de una acción o de un estado, por ejemplo: **ne plu iru al tiu domo,** no vayas más a esa casa; **ili ne plu trinkis,** ellos ya no bebieron más.

Le agradezco su gentil saludo, al cual todos nosotros corrrespondemos muy cordialmente.

**JUAN BOSCH**

# PARA NUESTRO BOLETIN

## 9.ª lista de donativos (Octubre 1950)

| | | |
|---|---|---|
| **Suma anterior** | 865 | Ptas. |
| **Francisco Pla (Valencia)** | 13 | » |
| **Luis Pérez Requena (Valencia)** | 25 | » |
| **Filiberto García (Badalona)** | 10 | » |
| **Fernando Bayo (Bilbao)** | 2 | » |
| **Antonio Pastor (Bilbao)** | 19 | » |
| **Francisco Estruch (Valencia)** | 15 | » |
| **María Casasnovas (Zaragoza)** | 10 | » |
| **Victoriana Bueno (Zaragoza)** | 10 | » |
| **Mariano Pinilla (Zaragoza)** | 9 | » |
| **Total** | 978 | » |

**Es muy conveniente que aquellos amigos, cuyo nombre no ha figurado en estas listas, se den cuenta de la necesidad de su donativo para salvar el escollo del último trimestre. A la vista del balance de final de año, podrá apreciarse claramente que nuestra insistente llamada no es un hábito vicioso de pedir por pedir.**

**AVISO.**—*Cuando pasado el tiempo prudencial para la recepción de un número, este no haya llegado, rogamos se nos comunique el extravío a fin de hacer nosotros las debidas gestiones, para que no sucedan estas anormalidades que se repiten con frecuencia.*

# ANONCETOJ

**Ni akceptas anoncetojn kiuj rilatos al nia afero. Unu peseto au unu r-k. validas por du vortoj. Tri mallongigaj literoj valoras kiel unu vorto. Aparta tarifo por specialaj anoncoj.**

FRANCISCO CURTO, strato Martín Molins, 24, Barcelona (13), Hispanio, deziras korespondi kun ĉiuj landoj.

Fraŭlino SIRLEY ROSS, 411 Kaeelock st., Ballarat, Victoria, Australia, deziras korespondi kun juna hispano pri arto.

S-ro SVEN SANSTROM-18-jara svedo, Onska-Tavelsjo-Svedio, dez. koresp. kun hispanaj geamikoj.

FERNANDO LOPEZ.-Alberto Lista, 3· Sevilla (Hispanio). Dez. koresp. kun gejunuloj pri diversaj temoj hispane aŭ esperante.

Grupo Esperantista «FRATECO», Santa Isabel, 10-Zaragoza (Hispanio). Tre plezure ricevos esperantaĵojn kaj distribuos adresojn de korespondemaj samideanoj inter la vigla gelernantaro de siaj kursoj.

JOZEFO PIROTE, strato César de Palpe. 26, Micheroux-Soumagne (Liege), Belgio, deziras ricevi ilustritajn poŝtkartojn kiel propagandmaterialon.



Cantos Hnos., Impr.-Valencia - Tel. 30444